# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**

**PLENUMITA 06/09/2018 Tricentokdeka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj. Klaku ligojn por kapabligi la malfermon*** *(aŭ eble Ctrl+kluku ??)*

**PMEGramatiko** *reta-vortaro* **Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro*

** Esperanta Retradio** *Google Translate** *Pasintaj eldonoj**

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 709,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **391,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **302,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **15,600** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA RUBRIKO "La Verbo en P.A.G.".



Kompreni gramatikajn regulojn estas pli malfacila ol simple lerni ilin. Ekzemple facilas diri ke la akuzativo ricevas la finaĵon "-n", sed malpli facila klarigi la de la naturo devigatajn esceptojn kaj klarigi kio kaj kial io estas akuzativa, aŭ ne. Kiel mi ĉiam mencias, Esperantistoj devas scii ĉi ĉion, ĉar ili parte kreas la lingvon dum la uzado. Por helpi la komprenon ante naturajn regulojn, ĝenerale tre malbone sciatajn kaj komprenatajn, mi intencas en la venontaj eldonoj de A. E. detale klarigi ilin. Ili estas plejparte naturaj reguloj, sed ankaŭ specife Esperantaj reguloj ne ofte menciataj. Mi faros tion ĉar antaŭ nelonge mi eltrovis ke flue parolantaj Esperantistoj scias preskaŭ nenion pri la afero. Ofte lernolibroj ne mencias ilin. Miaj klarigoj aperos sub la rubriketo "Ĉu vi sciis?" anstataŭanta dum kelkaj monatoj la rubrikon "La Verbo en P.A.G.", kiun mi daŭrigos post kelkaj monatoj sur ĉi tiu loko.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## "Ne ĵetu viajn perlojn antaŭ la porkoj"



Kara Marcelo! Viaj respondoj al mi pro mia eraro en "A.E. 388" tre, eĉ treege plaĉis al mi. Kiel mi jam skribis, nenio estas perfekta, kaj certe kaj sendube ankaŭ neniuj

estas. Precipe mi ne estas, sed tamen mi konsideras vin la plej perfekta esperantisto en la tuta neperfekta mondo!

Mi ne fieras, ĉar mi trovis "Ne ĵetu viajn perlojn antaŭ la porkoj" erara. Al mi estis tute kaj eĉ tre facile (facila) vidi, ke devus esti "Ne ĵetu viajn perlojn antaŭ la porkojn"!

Mia problemo estas, ke mi – tute ne intence – faris tute ne pardonindan eraran komenton pri la alia frazo: Mi erare, eĉ eraregе, supozis, ke "la perloj iras de antaŭ la porkoj al sub ties piedoj". Mi pensis, ke eble la tero estis treege mola, verŝajne eĉ kota, kaj tial la perloj iris de unu loko al alia, nome de antaŭ la porkoj al sub iliaj piedoj, aŭ, eĉ pli bone "De sur la tersurfaco al sub ĝi". Plejege amikege, *Bob (Felby)*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo






Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.



La 1a de septembro estis la unua sabato. Venis Roger, Chris, John kaj Eunice. *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Torquay Esperanto-Ekskurso

Dimanĉon la 21an de oktobro. Venu! Vidu AE 384on. Amike *Marumi Smith*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

## Gasto el Israelo (merkredo la 12a de septembro)




Ni baldaŭ havos specialan gaston el Israelo: Dr Amri Wandel. Li prelegos en la Esperanto-domo de Sidnejo merkredon la 12an de septembro je la 5a horo posttagmeze pri esploroj pri ekstertera vivo. Amri estas profesoro pri astrofiziko, membro de la Akademio de Esperanto, prezidanto de la Israela Esperanto-ligo, ktp. Do se vi loĝas proksime al Sidnejo, ne maltrafu la okazon aŭskulti interesan prelegon en Esperanto de grava spertulo.



Amike, *Nicole Else*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

SENDU NOVAĴON, FOTOJN DE VIA KLUBO



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Gazetaraj Komunikoj de UEA N-ro 754 2018-08-29



# UEA ALVOKAS PARTOPRENI EN EU-ENKETO PRI MULTLINGVECO

informas AE-on *Katja Steele*

Eŭropa Unio estas la plej multlingva el ĉiuj internaciaj organizaĵoj, kun 28 membroŝtatoj, 24 oficialaj lingvoj kaj pli ol 500 milionoj da civitanoj. La multlingveco estas tamen ofte ne plene respektata en la oficiala praktiko de EU, kie ofte superregas la plej grandaj lingvoj kaj precipe la angla lingvo. Nun la Europa Ombusdmano invitis la eŭropan publikon respondi serion da demandoj pri la multlingva politiko de EU. Tio donas nekutiman ŝancon ankaŭ al esperantistoj alporti sian vidpunkton pri lingvaj demandoj kaj instigi al pli vasta debato en EU pri la kontribuo de Esperanto al justa, inkluziva lingvopolitiko.



"Estas salutinde, ke la Ombudsmano petas la opiniojn de la civitanoj pri tiel grava temo," komentas Mark Fettes, la prezidanto de UEA. "Nia movado de multaj jaroj substrekas ke lingva justeco estas esenca dimensio de justa socio. La eŭropaj civitanoj spertas tre malegalecan traktadon de siaj lingvoj. Ni pledas por Esperanto kiel integrita elemento de justa lingvopolitiko por ĉiuj civitanoj."

Por helpi esperantistojn plenigi la enketilon, UEA pretigis tradukon de la 10 ĉefaj demandoj kun sugestoj pri eblaj respondoj. La dokumento estas legebla ĉe Publika Konsulto - La uzo de lingvoj en EU-institucioj, instancoj, oficejoj kaj agentejoj.

"Esperantistoj devus ludi aktivan rolon en tiaj civitanaj iniciatoj," argumentas Fettes. "Per niaj respondoj ni montru, ke ni pensas pri Esperanto ne izolite, sed en la kunteksto de kompleksa moderna socio kun multaj lingvoj. Iom post iom, ni eduku aliajn pensi same."

La formularon de la Ombudsmano oni povas aliri ĉe:

https://www.enonet.eu/survey/index.php/713938. La limdato por prezenti siajn rimarkojn estas la 30-a de septembro 2018. Se iu ne povas respondi rete, kontribuoj povas esti senditaj perpoŝte al: European Ombudsman, 1 avenue du Président Robert Schuman, CS 30403, F - 67001 Strasbourg Cedex, Francio.



# Al ĉiŭ ĝardenarbo sian propran lokon!



## KIEL KONTRIBUI AL ESPERANTO ?

En la socioj, en la societoj, en la asocioj, en la kompanioj, kaj en ĉiu grupo de homoj kune laborantaj por unu celo, estas natura ke la individuaj membroj kontribuas en sia maniero, en maniero kiu plej taŭgas KAJ por la grupo kaj por la individuo. Tio okazas nature, ĉar plej ofte la individuoj scias sian propran forton, kaj uzas ĝin por plej praktike kontribui. Tiuj homaj fortoj estas diversaj kaj malsamaj, kaj ankaŭ la specoj de kontribua laboro estas diversaj kaj malsamaj. Ne utilas kunlabori per siaj plej malfortaj kapabloj, por kiuj sendube ekzistas aliaj membroj. Ekzemple en bankoj oni ne multe bezonas scii fremdajn lingvojn, dum en la turismoindustrio oni ĝenerale ne bezonas scii pri kontoscienco. Tamen en ambaŭ okupiĝoj

estas granda diverseco. La samo aplikiĝas al la politika vivo, kaj al idealismaj movadoj. Ĉiuj kaj ĉiaj kapabloj bezoniĝas.

Ankaŭ la Esperantomovado havas diversecon de kontribumanieroj, kaj ankaŭ ĉi tie la homoj kontribuas per siaj specialaj fortoj. Ĝenerale la homoj mem scias plej bone, kiuj estas iliaj fortoj, kaj do aŭtomate elektas kontribui per tiuj. Kompreneble, sed tre malofte, okazas malbona juĝo de siaj fortoj, sed tion oni kutime baldaŭ eltrovas. Alifoje oni eltrovas, ke onia forto ne estas bezonata, aŭ jam havas tro da kontribuantoj. Sed en tiaj malmultaj kazoj oni simple devas atendi, aŭ kontribui per malpli forta kapablo.

Plej ofte la homoj do trovas mem sian lokon en asocio. Kelkfoje la membraro misjuĝas ies forton, kaj ekscias tion poste. Sed kiam la persono mem decidas pri sia forto, kaj tiel kontribuas, tio okazas plej ofte sukcese. Krome ekzistas personoj kiuj tre kapablas juĝi la fortojn kaj laborojn de la aliaj kontribuantoj, kaj specialiĝas en tio, sed tiam koncerna kontribuanto ofte malsamopinias. Tio ofte estas la kazo en la politika vivo. Tie ekzistas oficialaj oficistoj kies tasko estas kontroli la parlamentanojn ĉu ili ne agas kontraŭkonstitucie aŭ kontraŭleĝe. Ili estas specoj de regulatoroj. En komercaj institutoj ni ankoraŭ ne havas tiajn, sed ni havas kuraĝajn funkciulojn kiuj memvole komunikas al la publiko kontraŭleĝajn aŭ kontraŭhomajn traktadojn en la komerca kompanio. Oni nomas ilin misaĵdenuncistoj (angle "*Whistleblowers*").

La Esperantomovado bezonas ĉiajn fortojn por sane helpi la uzadon kaj la disvolviĝon de nia lingvo. Eĉ regulatorojn kaj misaĵdenuncistojn, precipe pri la uzo de la lingvo. Ekzistas jam organizita grupo de regulatoroj kiuj specialiĝas pri la akcepto kaj kreo de tradukoj por novaj vortoj en la etnaj lingvoj, speciale pri teĥnikaj vortoj. Ankoraŭ ne ekzistas organizita instanco por "denunci" misuzojn de la gramatiko de Esperanto, ĉar tio estas specialista laboro malfacila, sed ekzistas individuaj tiaj denuncistoj.

Kvankam mi okupis min propagandi kaj uzi kaj instrui Esperanton, miaj precipaj laboro kaj forto estas denunci la misuzon de la gramatiko. Tio ne estas facila laboro, ĉar ni devas scii pli pri la gramatiko ol tiuj kiujn ni devas denunci. Sed la laboro estas tamen necesa. La laboro estas krome malfacila pro tio ke oni fariĝas malpopulara inter la verkistoj kaj Esperanto-specialistoj kiujn la denuncistoj devas kritiki, por ĝuste fari sian laboron. Mi tamen kuraĝas fari tion. En Aŭstralio mi estas la sola tia denuncisto kaj publikisto pri la misa uzo de la gramatiko de Esperanto, kaj mi sentas mia devo daŭrigi tiun laboron, malgraŭ la malpopulareco kaj la sekvaj atakoj de la denuncatoj. Cetere la samo okazas al misaĵdenuncistoj komercaj kaj eĉ al oficialaj regulatoroj de la parlamentanoj. Almenaŭ mi ne estas sola en tiu "suferado", kaj bonŝance en Esperantujo mia laboro ne kaŭzas perdon de salajrata posteno.
*Marcel Leereveld.*

**ĈU RETROI AL DISKUTADO DE ANTAŬ PLURAJ MONATOJ**, en kiu utile kunlaboris Donald Rogers? Jes, ĉar la nova kontribuo de Vilĉjo Aldridge en la antaŭa A. E. estis tre valora kaj informa. Dankojn pro tio! Kaj eble s.ro Aldridge samopinias kun mi, ke "retro" estas nedividebla radiko kaj ke la o ne estas finaĵo (same kiel la e en "tre"), kaj ke tial la adverbo estas "(promeni) retroe" (NE "retroen" ĉar la direkto jam esprimiĝas en la radiko). Kaj rekta demando: Kial ci konas la historion de Latino tiom profunde? *Marcel Leereveld*

http://unesdoc.unesco.org/images/0026/002652/265211EPO.pdf






★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby



## Ĉapitro 16 Loĝas en Aŭstralio Kaj mi eklaboras en Adelajdo. Kvara ero

Mi iris al la universitato kaj petis la noktogardistestron, kiu devenis el Anglujo, pri laboro. Li provis klarigi al mi ke li ne bezonas pli da gardistoj ktp. sed ke li volonte provos trovi por mi laboron ie en Adelajdo.

Li trovis por mi laboron kiel malsanuleja servisto en "*Royal Adelaide Hospital*", t.e. malsanulejo reĝa en Adelajdo. Tre malbona laboro, kaj mi enspezis nur ĉirkaŭ $60 semajne. Ŝajnis ke la kolegoj ne estas tre amikiĝemaj. Oni metis min en la operaciejojn, kie mi kunhelpis. Sed kio ajn, kion mi faris, estis kritikata, kaj subite mi iris hejmen al mia ladskatolo.

La postan tagon mi trovis konstantan laboron en kotonŝpinejo. Mi laboris nur dumnokte. Estis tie tre brue, malpure, kaj la manĝopaŭzo daŭris nur 20 minutojn de kiam ni forlasis niajn maŝinojn kaj revenis. La manĝejo situas sufiĉe malproksime de la maŝinoj, do vere ni havis nur proksimume 10 minutojn en kiuj manĝi.

Esperanto estis mortanta lingvo en Sudaŭstralio kiam mi alvenis. F-ino Win Addis gvidis la movadon, sed diris, ke la esperantistoj interesiĝas pri tiom da aliaj aferoj, ke ili ne havas tempon por iri al kunvenoj. Tamen mi insistis ke la movado ne mortu, kaj provis teni ĝin viva.

*Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Turka Stelo enhavas Foton de la 103a UK kongresanoj

